„Mutig vorwärts!" „Kuraĝe antaŭen"

# Aŭstria Esperantisto
## (Österreichischer Esperantist)

Oficiala organo de Internacia Esperanto-Muzeo kaj Aŭstria Esperanto-Asocio

Monata

Redaktejo kaj Administrejo: Wien, I., Neue Burg (Tel. R 27-803).

Konto bei der Postsparkasse D-123.826

Jarabono (komencebla ĉiumonate): Por aŭstrianoj aŭ S 3.90, germanlandanoj RM 2.75 alilandanoj sv. fr. 3.50; ponumere: por enlandanoj 35 aŭ. g., eksterl. 45 aŭ. g.

Nicht zeitgerechte Abbestellung unseres Organs verpflichtet zum Weiterbezug.

1o-a jaro. N-ro 1. Januaro 1933.

### A u s a l l e r W e l t

Prof.Dr.F.Wossler, Dozent für romanische Sprachen und Literatur an der Universität München, äusserte sich gelegentlich seinesAufenthaltes in Buenos Aires als Delegierter d.Argentinisch - Deutschen Institutes für Volksbildung (Instituto Argentino - Germano de Cultura)Pressevertretern gegenüber über Esp.äusserst günstig u. zeigte bei seinem Besuche des Argentinischen Esperanto-Bundes grosses Interesse für alles,was die Esperantobewegung betrifft. Die bedeutendsten Tageszeitungen "La Nacion" und "Critica" brachten ausführliche Berichte.

Esperanto-Radiosendungen aus Frankreich. Sonntag: Radio-PTT.-Nord(Lille) 8-9h3o Kurs,Audkünfte,Zwiegespräche; Mittwoch: Marseille - Provence 20h15- 20h3o; Donnerstag : Paris-PTT. 17 h 45-18 h 15 Kurs;Limoge-PTT.u.Alpes-Grenoble auf dem Relais v.Paris; Freitag : Radio-Normandie 21 h - 21 h 1o Kurs ; Radio-Côte d'Azur 2oh15-20h3o Kurs und Gespräche ; Samstag : Lyon-La-Doua 20 h 1o-20 h 20 Zwiegespräche und Plaudereien.

Und in Oesterreich wöchentlich 10 Minuten!Wann wird wieder ein Radio-Kurs eingeführt ? Mehr als 3000 Personen haben über Befragung sich für Esperanto ausgesprochen. (Radio-Wien)

Die "Société Francaise des Electriciens" - Malakoff(Seine), 14 Ave. Pierre Larousse, veröffentlicht seit Juli 1932 Auszüge in Esperanto über alle seine Artikel.Andere wissenschaftliche Organe mögen dies nachahmen.

Esperanto-Theater in Paris.
Jeden 1. Samstag des Monates findet in Paris , 9 Square de Vergennes (Métro-Vaugirard) eine Theater-Vorstellung in Esperanto statt. Die erste wär am 5.11. "Fortbildungs-Esperantokurs" von Jago Veki ; die zweite am 5. 12. "Maitre Pierre Patelin",berühmte Pharse aus dem Französischen , übersetzt von J.Balliman.

"Bulletin Mensuel" der französischen Handelskammer in London bringt in jeder Nummer einen Artikel in Esp. mit französischer Uebersetzung ; in der November - Nummer einen 6 Seiten langen Artikel mit Bildern über das neue Packetboot "Normandie".

Argentinien. Der " Aero Club Argentino " hat über Ersuchen d. Argentinischen Esperanto-Organi-

sation zugestimmt,dass von Verkehrsflugzeugen 5o.ooo Propagandaflugzettel behufs Esperanto - werbung und Beitrittserklärungen für schriftliche Esp.-Kurse abgeworfen werden können.
("Argentina-Esperantisto")

Brasilien. Der Unterrichtsminister hat die Einführung von E-Kursen im Colegio Pedro II . genehmigt.--Die Regierung gewährte dem Esp.-Landesverbande eineSubvention.

Deutschland. Der Eisenbahn - verein München bietet seinenMitgliedern kostenlose Esperanto - Kurse und bringt in seinem Organ "Eisenbahnvereinszeitung" fort - laufend lange Artikel. Es wäre sehr zu wünschen, wenn auch die Direktion München so wie die öst Bundesbahnen offiziell für Esperanto eintreten würde.

Italien. In Beantwortung einer Anfrage des Marchese Cordero di Montezemolo, Präs. des Italienischen Esperanto-Bundes, hat der Minister für nationale Er - ziehung bekanntgegeben, dass in Mittelschulen Esperanto als Wahlfach unterrichtet werden kann.

Nordstaaten. Der Esperanto - Lehrer Seppik aus Tallinn , Estland hat in verschiedenen Kinos von Oslo vor 7oooo Schulkindern u. ihren Lehrern Filme u. Lichtbilder mit begleitender Volksmusik über Estland gezeigt und den erklärenden Text in Esperanto u. Uebersetzung in die norwegische Sprache gegeben.---In derselben Weise wurden 1932 von Reg. Rat Steiner 48 Werbevorträge und 6 von den Radiostationen in Polen, Danzig,Littauen,Estland, Finn - land,Schweden,Norwegen und Dänemark abgehalten.

Tschechoslowakei. In Prag wird jetzt der dritte Polizei - Esperantokurs mit 51 Teilnehmern abgehalten.

USSR. Das ukrainische Schauspielteater veranstaltet auf eigenen Schiffen Gaspielreisen auf den verschiedenen Flüssen der Ukraine und von Weissrussland.-- Vor Beginn Jeder Vorstellung berichtet der Esperanto-LektorVictorov-Ĉeĥovic aus Kiev über die internationale Sprache Korres - pondenz u.s.w. vermittels Esp.

USSR. Der bekannte Sprachwissenschaftler A.Thornburn Universitäts Professor in London be - richtet über seine Reise durch Sovjetrussland , dass Esperanto dort ebenso verbreitet sei wie die englische Sprache.

"Danziger Neueste Nachrichten das grosse Blatt Danzigs , das während des Danziger Kongresses eigene Esperanto - Seiten brachte und seine Spalten grosszügig dem Esperanto zur Verfügung gestellt hat,berichtete auch in 2 schönen , reichhaltigen Artikeln von Gerda Spiess am 8. und 11. August über den Pariser Esperanto-Kongress.Diese Förderung d.E. wirbt dem Blatte viele Freunde.

Strato Doktoro Zamenhof estis inaŭgurata en ĉeesto de l' urbestro en Cassà de la Selva en Katalunujo.

Das Kleine Volksblatt.
Tiu ĉi tre ŝatata tagjurnalo aŭstria jam antaŭ du jaroj interesiĝis pri E.---Mi faris nun al la ĉefredaktoro Mailler proponon interesigi sian legantaron pri E kaj instali E.-kursojn.Afable li konsentis kaj mem verkis alvokon trifojan en la gazeto kun la peto, ke la legantoj sin anoncu al la redakcio pri partopreno en de la gazeto arangotaj E.-kursoj.
Ĉefredaktoro Mailler ankaŭ konsentis E.-angulon ĉiusemajnan verkotan de mi. Steiner



Internacia Esperanto Muzeo en Wien.
Wien, I. Neue Burg, Heldenplatz
Telefono n-ro R 27-8-o3

Malfermata labortage 9-12h,15-18,
sabate 9-12h kaj 5.februaro 9-12h.



Dumvivaj membroj(S.15.-event. en 3 partpagoj.Por alilandanoj sv.fr.12.5o;ili enpagu en aŭstr. ŝilingoj ĉe iu banko de sia loko por la konto de Oesterreichische Credit-Anstalt,Wien,I.Renngasse, je pago al la Esperanto-Muzeo en Wien.

Novaj membroj: 471.d-rino Pr. Flasch,Wien; 472.d-ro Alf. Eng - länder,advok.,Wien; 473.Schöpfer Fr.,lernejkonsil.,Voitsberg,Stirio; 474.Ulbrich R.,poŝtoficisto Mattighofen,O.Oe.; 475.d-ro Ant. Weber,paroĥestro,Neudau,Stirio.

Grupoj,,federacioj,rondoj ktp la sama kotizo por 10-jara mem - breco:...36.Kataluna Esperant - ista Federacio,Barcelona.

Ricevitaj sendaĵoj.

149.ing.Onnen,Haag,Nederl;15o Literatura Mondo,Budapest(Novaĵo "Romaj elegioj","De pago al paĝo) 151.E.-klubo,Koti,Japan.;152.Budapesti Hirlap,Budapest;153.H.E. Raymond,Kalamazov,USA;154.K. Vidikaŭskas,Philadelphia,USA; 155. Int.Hejmo Esp.,Aspremont;156.O - kulta E.-Biblioteko"Nova Kulturo" Burgas,Bulg.(N:"La timo","La tri fundamentoj de la vivo");157.Sveda E.-Federacio,Stockholm;158 . Aŭstria Laborista Ligo E.,Wien (N:"Socialista Kantaro");159,Rodo Lud.,Paris(presprovaĵoj de la Paris-a kongresglumarkoj); 16o. As.Int.Biocosmique,Sollies-Pont, Franc.(N:Sperto kaj Konduto);161 Rhodes Marriott,Manchester; 162. Bulg.Laborista E-Asoc.,Sofia(N.: E-Bulg.vortaro,2.eld.,"Nacio internacia k.mondlingvo","Ĉe pos - teno"k.a.);163.XXIV-a,Paris; 164 T.Sigel,Detroit,USA(N:La Dia pesto);165.S.Szyk,Vilno;166.P.Ŝur - janenko,Valki,Ukrainio;167.Dir . Kreuz,Genève;168.Bavara E.-Ligo, Weiden;169.Fed.E.Aragonesa,Zaragoza,Hisp.;17o.Paul Nylen, Hud - dinge(Multaj valoraj verkoj,i.i. Sveda-E.vortaro 1897,"Liro"1893, "Ahlberg-Esp."19o3,"Pri la lingvo en medicinaj kongresoj" 1898, "Lingvo Intern." de 1896-19o2,Kio estas E.?1897,"Aŝik-Kerib",1895, "La Literaturisto"1895,"Du mir - rakontoj"1898,Manuskripto 1896 ktp.);171.d-ro ing.Ellerbeck , Berlin;172.R.Kreuz,Genève(N:Kompleta fundamento de l'idiomo Mondial or Nov-Esperanto,1932);173. Belga E.-Instituto,Antwerpen(N : "De Internationale Taal","Langue internationale");174.H.Wensel, Amsterdam;175.prof.Vanverts,Lille (N:E.-teknika medicina vortaro); 176.d-ro Hideo Ŝinoda,Tokio;177 "La Norda Brilo",Iŝikari,Japan.; 178."Heroldo de E.",Köln(N:"He - roldo-Jugendwörterb.","Her.Ta - schenwörterb","Das leichte E.",3. eld.);179."Kiboŝa,Tokio;18o.Joh. Hartog,Baarn,Nederl.;181.Nik.Hovorka,Wien;182.Fahim Harfouche , Port-Said(N:Araba ŝlosilo); 183. UEA.,Genève(N:Servaro);184.Kristana E.-Ligo,Quedlinburg;185."Aŭroro",Praha;186.d-ro BiehlerGraz 187.A.Couto Fernandes,Rio de Janeiro(N:Amo per proverboj,2.eld)

P.F.Vaughan,Sandakan,Br.Nord-Borneo,Azio,membro de Int.Kura - tora Komitato de IEMW,naskita en Singapore, Hindujo, studinte en Britlando, esperantiĝis en 19o5, fondis unu el la unuaj Esperanto grupoj en Hindujo en Kolar kaj redaktis "La Pioniro"-n ĝis lia foriro el Hindujo en 19o7.Li posedas nun bienon apud Sandakan , nomita "Verdavalo".Li skribis al la Muzeo jene:"Certe la fondinto de la Muzeo meritas varman dankon de la esperantistaro kaj mi esperas,ke ĝi daŭre floros...!"




Adreso:25-a Universala Kongreso de Esperanto,Trajanstr. 25 Köln,Germanlando.

Kotizo:Rm 20.-,por gejunuloj Rm 5.-; favorkotizo ĉa Rm 18.-- resp. 4.5o validas ĝis fino de marto 1933.Por Rm 18.--vi pagos kun la malgrandaj elspezoj de la banko entute S 35.6o.--.Vi povos sendi la monon al IEMW kaj tiu ĉi sendos la monon al Köln pere de Credit-Anstalt en Wien.Aldonu respondafrankon.

Aliĝis ĝis fino de 1932---3o2 personoj el 24 landoj.

Karavano: Detaloj en la venonta numero. Jam interesiĝis aro da personoj ,inter ili kelkaj el aliaj landoj.---Interesatoj bonvolu sin anonci,sendu respondafrankon kaj ili ricevos detalajn informojn.

Aliaj E.-Kongresoj

24-a Brita E.-Kongreso,Oxford 14.-17.de aprilo 1933.

4. Flandra E.-Kongreso okazos je Pentekosto 1933 en Mechelen, urbo mondkonata pro sia sonorilaro.Oni prezentos modernan pacifistan teatraĵon "S O S-g a z o". Informoj ĉe H.Rainson,Hombeek - sche Steenweg,Mechelen,Belgujo.

13-a SAT-Kongreso,5.-1o. aŭg. en Stockholm.LKK konsistas el E. Eriksson(parlamentano),R. Svensson,J.Johannson,Hj.Olsson, A. W. Lundquist ktp.

Pri "Köln kaj Rheinlando".

En la festsalonego de"Niederösterreichischer Gewerbe-Verein" kalk.kons.R.M.Frey la 3o.de nov. faris bonegan lumbild-kaj film - paroladon. Prezidanto d-ro inĝ . Böhler havis la plezuron saluti grandaron da oficialaj reprezentantoj kaj eminentuloj.---Estis vere bona propagando por la XXV. "Oesterr.Verkehrsbüro" ( Aŭstria Trafik-Oficejo )subtenas la koncernajn klopodojn de s-ano Frey.

...K o l o n j o kore invitas vin ! Poŝkalendareto,eldonita de la XXV. kun la invito partopreni.

---

...Ĉe demandoj ne forgesu aldoni respondafrankon !

---

Skolta ĵamboreo en Budapest.

La esperantistaj skoltoj en Hungarlando multe klopodis por gajni la skoltan movadon por E.

En 1933 okazos ĵamboreo apud Budapest,al kiu venos proksimume 35.ooo skoltoj diverslandaj.

Ili parolos pksm.45 lingvojn. La plej bona agadkampo por ni esp.-istoj.La estraro de ĉi tiu giganta tendaro akceptis E.-on apud kvar aliaj lingvoj k.eldonis oficialan ĵamborean vortaron, kvinlingvan,inter kiuj ankaŭ E.- En la tendaro ankaŭ estas E.- on parolantaj policistoj.La hungaraj skoltoj cie lernas E.-on.

Sed ekzistas granda danĝero , se ne venos sufiĉe E.-on parol - antaj skoltoj el aliaj landoj ! Tial oni klopodu en ĉiuj landoj, enkonduki E.-kursojn en skoltaj rondoj.Informoj ĉe:Hungara Skolta Asocio,Budapest,V.Nagy Sandor ucca 6.

Urania en Wien kaj Esperanto

"Oesterr.Urania-Verband" kaj speciale Urania -Wien ekinteresiĝis pri Esperanto kaj jam al - proksimiĝas la tempo, kiam tiu ĉi grava popolkleriga instituto envicigos ankaŭ la instruon de E

Multe helpos al atingo de tiu ĉi celo, se la s-anoj el alilandoj kaj Aŭstrio esprimus tiun ĉi deziron sur simpla poŝtkarto al "Wiener Urania",Wien,I. Aspern - platz 5.          R.M.Frey

# La lasta valso.

Johann Strauss, la reĝo de l' valso estis mortanta(1).......

Estis,kvazaŭ scius la antikva imperiestra(2) urbo ke unu el ĝiaj plej famaj filoj estis komencanta sian lastan vojaĝon. Malseka, malvarma vento blovis tra la stratoj kaj stratetoj de Wien.Griza ĉielo kaj pezaj nuboj pendis ĉagrene super la oblikvaj tegmentoj.La tuta naturo estis kiel melankolia kanto pri adiaŭo de surtera vivo.

En la malgranda, malriĉeta loĝejo en Kumpf-strateto,kie loĝis la patro depost disiĝo(3) de sia edzino , staris Johann Strauss , la juna apud la lito de tiu,kies filo li estis . Flavete lumis la vizaĝo de l' patro el la kusenoj;sur la vangoj brulis ruĝaj la makuloj de la malsano . Hirte la haroj de la malsanulo(4) pendis sur lia frunto .

Sur la muroj de la ĉambro pendis velkintaj laŭro-kronoj.La multkoloraj slipoj vane penis malaperigi(5)la malriĉecon(6)de la ĉambro.

Amara sento, varmega kompato kun lia patro, kiu jen kuŝis antaŭ li,trafluis la filon. Certe, sukcesojn estis havanta la patro ! Eĉ fama li estis en la mondo. Per sia Radetzky-marŝo li famiĝis(7) kaj en Hungarujo, Sud-kaj Nordgermanujo, Francujo, Nederlando, Anglujo li venkigis(8)la Wien-an valson. Richard Wagner, Meyerbeer, Cherubini, Adam kaj aliaj famuloj(9)el la regno de la sonoj estis rekonintaj(10)lin kaj Wien adoris lin, sian amaton !

Johann Strauss,la juna,pripensis la familian vivon de la patro. Diskutoj kaj disputoj inter la gepatroj estis oftaj kaj maldolĉigis(12)la animon de l'patro. Ne laste estis li, la "Ŝani",ofte la kaŭzo de tiaj malpaciĝoj(13).Kaj tio ĉiam okzis,kiam li kontraŭ la volo de l'patro sin okupis pri la muziko,kaj la patrino lin helpis, kiam la patro tion rimarkis.La situacio nur plibonigis,kiam okazis la plena disiĝo de la gepatroj. Sed kiel tio doloris la patron , la filo ne povis imagi kaj malgranda konsolo estis,ke la patro pasintjare(14)subigis(15) la ĵaluzon,kaŭzitan pro la grandegaj sukcesoj de l'filo, kaj repaciĝis(16).

Malkviete la malsanulo sin turnis en la lito,la filo alpaŝis por ordigi la kovraĵon(17). Li ekkaptis la pro febro varmegajn manojn de l'patro, kiu spiris nur malfacile kaj pene. Li iris al la fenestro por flankenŝovi(18)la kurtenojn,por ke la malmulta taglumo penetru en la ĉambron. Penseme(19)li rigardis la rapidan zigzagflugon de hirundo,kiu ekstere preterflugis.

Ekspiro(20),aŭdebla de la lito,kaŭzis,ke li turnis sin kaj iris al la malsanulo. Johann Strauss-patro estis vekiĝanta(21)el malkvieta duondormo(22). Febre la manoj palpis super la litkovraĵon. La filo eksidis(23)apude kaj zorge rigardis la vizaĝon de la patro.

"Ŝani!" Johann Strauss pene turnis sian kapon,kaptis la filan manon kaj premis ĝin kun varmo. "Ŝani,vere ĝojigis min,ke vi venis, kaj mi dankas vin pro tio. Nun la foriro el ĉi tiu mondo ne fariĝos malfacila! Sciu,mi ĉiam opiniis,ke restos por ĉiam: Wien,Strauss k.

liaj valsoj. Unu sen la aliaj ŝajnas al mi ne imagebla. Sed ekzistas ankoraŭ alia, kiu decidas! Ĉi tiu deziras, ke unu el la tri foriru! Kaj la elekto trafis min! Estas ja tiel plej bone, ĉar alie Wien aŭ la valso devus perei kaj la mondo tiam ne plu havus sencon!"

Lacigite(24) la patro silentis. Trankviligante la filo kaptis lian manon: "Sinjoro patro, ne parolu tiom, tio streĉas viajn fortojn!" Zorgoplene estis lia voĉo: "Kaj morti vi longtempe ne devas, Wien bezonas sian Strauss, kiu donacis al ĝi tiom da bela muziko! Sinjoro patro, vi ja ankoraŭ estas juna, la mondo atendas ankoraŭ multon!"

Johann Strauss melankolie skuis la kapon: "Tio estas pasinta (25.) mi verkis sufiĉe kaj travivis(26) multon; sed i a m devas esti fino. Kiam Lanner antaŭ ses jaroj adiaŭis(27), li min petis, ke mi ne lasu lin sola tro longe tie supre. Kaj nun mi estas ĉe la celo. Se la maljunuloj(28) estas maturaj por foriri, tiam ili cedu la lokon(29) al la junuloj. Tio estas la iro de l' mondaj aferoj!"

La junulo prenis tukon kaj forvisis la ŝviton de la patra frunto. Tiu ĉi daŭrigis(3o): "Kaj, ke mi foriras volonte, tion ne laste al vi mi dankas!"

"Al mi, patro?" Mirigita demando estis en la okuloj de l'alia.

"Al vi, Ŝani, tion mi devas diri al vi en la lasta horo.---Sufiĉe longe tio min turmentis. Jes, mi estis egoisto kaj malsaĝulo(31) krome.

"Mi petas vin, sinjoro patro....!"

"Jes, tio estas vera. Mi ĉiam opiniis, ke nur mi estas ĉi tie, ke nur mi valoru. Ĵaluzo min kaptis, ĵaluzo kontraŭ vi, mia propra filo, kiam mi aŭdis, ke vi celas al la muziko. Plej volonte mi estus rekondukanta vin al la politeknika lernejo. Kaj mi mem siatempe kaŝe forlasis mian librobindistan profesion, ĉar tiu ne plaĉis al mi. Kaj kiam mi poste aŭdis vian muzikon, mi nomis vin netaŭgulon(32), kiu ne kapablas ion krei. Tamen, interne en mia brusto la koro ĝojis pri la belaj valsoj kaj mi diris al mi: Strauss, tiu estas via filo! Sed tiam ekestis(33) obstino en mi kaj mi ne volis rekoni vin, ĉar mi opiniis, ke vi prenus ion de mia gloro. Tia frenezulo(34) mi estis! Sed viaj lastaj valsoj montris al mi, ke en vi estas io, kio estas pli forta ol mia arto. Kaj ĉar mi tion vidis kaj sentis kaj nun scias, ke iu ekzistas, kiu ne toleros, ke la valso mortu, W i e n-a valso, la morto ne estos tiel malfacila por mi!"

Johann Strauss silentis momenton. La pli juna estis nekapabla paroli. Kiam li vidis la patron tia kuŝi antaŭ li, el lia koro malaperis ĉiu amareco(35), kiu iam estis en ĝi.

"Ŝani!" Pli malforta fariĝis(36) la voĉo de Strauss, kun peno aŭdebliĝis(37) la vortoj: "Unu peton mi havas; donu al mi la lastan fojon mian taktilon. Tie en la tirkesto ĝi kuŝas!" kaj, kiam la filo estis plenumanta lian deziron, li daŭrigis: "Kaj nun ludu vian lastverkitan valson, kiu lastfoje tiom kortuŝis min, kiam ĝi estis ludata lastfoje ĉe Dommayer!"

"Ĉu sinjoro patro eble pensas pri "Apud la bela, blua Danubo?"

"Ĝuste tiel ĝi nomiĝis(38)."

La filo kontraŭbatalis la kreskantan dolorsenton kaj nur malfortan kontraŭdiron li kuraĝis: "En ĉi tiu horo tio ne estas..."

La patro ne lasis lin finparoli: "Ludu nur, estas ja lastan fojon, ke mi aŭdas valson en ĉi tiu mondo!"

Perforte la filo kontraŭbatalis la kortuŝon(39). Tiam li ludis.

Johann Strauss estis eksidanta en la lito. Ĉiun doloron li forgesis. Refoje li staris enmeze de sia orĥestro, ĉe Sperl, ĉe Dommayer, en "Tivoli"; li ludis kune kun Josef Lanner kaj ĉe tablo sidis Schubert kun siaj amikoj ĉe la vino kaj aplaŭdadis al la ĉarmo de

la fluantaj dancmelodioj,al la kanto de printempo kaj amo,admiro k. rekono tiel,ke la muzikistoj devis klinigi ĉiam denove.......kaj en "Paradeisgartl!"---Ĉiam denove aplaŭdo,floroj;ĉiuj estis entuzi - asmigitaj.Kaj super la bruado kaj ondado de la melodioj la taktilo, svingita de Strauss,desegnis figurojn de trikvarontakto...La klavoj silentis. Johann Strauss,la juna,paŝis al la lito de la patro : "Vi faris al mi grandan ĝojon,Ŝani,vi ankoraŭfoje ĉion vidigis al mi , kion mi amis en mia vivo. Jen!" Li prenis la dekstran manon de la filo kaj donis la taktilon en ĝin:"Mi ne plu bezonas ĝin. Prenu la taktilon kaj gvidu ĝin plue. Ĝi estos bone gardata." Tuso ekskuis lin:"Ne lasu subigi(40)vin de fremda muziko,restu fidela al W i e n via Wien,al via popolo, al via Danubo! Ekzistas nur u n u Wien , ekzistas nur u n u germana danco, la valso de Wien! Ne toleru ,ke ĝi pereu!"...Lasta ekzamena rigardo en la vizaĝon de la filo : "Sed kial mi parolas tiel? Vi ja estas Strauss....kaj Strauss scias,kion li faru. Kaj nun lasu min iom dormi. Mi estas tiel laca....!"
Silente la filo metis la kapon de sia patro en la kusenon, reek- sidigis sin(41)tiam apud la lito kaj aŭskultis la ĉiam pli malfort- igantajn spirojn de la malsanulo dume vesperaj ombroj metis nigrajn vualojn antaŭ la fenestrojn kaj plenkovris la antikvan strateton kvazaŭ per ĉerko-tukoj.

1.mort-ant-a war im Sterben; 2.imperi-estr-a kaiserlich; 3.dis-iĝ-o Trennung; 4.mal-san-ul-o Kranke; 5. mal-aper-ig-i verwischen; 6.mal-riĉ-ec-on Armut; 7.fam-iĝ-is wurde berühmt; 8.venk-ig-is verhalf zum Siege; 9. fam-ul-oj Berühmtheiten; 1o.estis rekon-int-aj hatten anerkannt; 11.am-at-on Liebling; 12.mal-dolĉ-ig-is verbitterten; 13.mal-pac-iĝ-oj Zwistigkeiten; 14.pas-int - jar-e im vergangenen Jahre; 15.sub-ig-is unterdrückte , besiegte ; 16.re-pac-iĝ-is wieder versöhnte; 17. kovr - aj-on Decke; 18.flank-e-n-ŝov-i zur Seite schieben ;19. pens-em-e in Gedanken versunken; 2o.ek-spir-o Aufatmen; 21.vek-iĝ-ant-a war aufgewacht; 22.du-on-dorm-o Halbschlaf; 23. ek- sid-is nahm Platz; 24.lac-ig-it-e ermüdet; 25.estas pas-int-a ist vorüber(gegangen); 26.tra-viv-is (durch)erlebte; 27.adiaŭ-is Ab - schied nahm; 28.mal-jun-ul-oj Alten; 29. cedu la lokon sollen Platz machen; 3o.daŭr-ig-is setzte fort; 31.mal-saĝ-ul-o Dummkopf; 32.ne- taŭg-ul-on Unfähigen; 33.ekestis entstand; 34.frenez-ul-o Verrück - ter; 35.amar-ec-o Bitterkeit; 36.far-iĝ-is wurde; 37.aŭdebl-iĝ-is wurde hörbar; 38.nom-iĝ-is hiess; 39.kor-tuŝ-on Herzensrührung ;40. sub-ig-i besiegen; 41.re-ek-sid-ig-is sin setzte sich neuerdings.

## N o v a r a n ĝ o d e n i a A. E.

Venis al ni multaj gratuloj pro la novaranĝo de nia organo , el kiuj ni citu kelkajn :
"......Samtempe mi gratulas vin pro via novaranĝo en A.E. , ĉar de nun ankaŭ komencantoj estiĝos pli bonaj amikoj de A.E.-- De nun estos A.E. ne nur ligilo de la Aŭstria esperantistaro,sed ankaŭ per- fektigilo,kion la plimulto deziras." H.Huber,instr.,Kl.Mürbisch.
"......Die bereits in A.E. N-ro 12 aufgenommenen Esp.-Uebersetzungen sind nur zu begrüssen. Mancher alte und junge Esperantist kann daraus profitieren. Freilich dürften Esp.-Nörgler,die mit Ihrer Esp.-Weisheit die Oeffentlichkeit meiden, unvermeidlich sein ; dies soll aber die Redaktion nicht genieren,denn dies kann nicht gehindert werden...." R.Pernegg,Eggenberg-Graz.

R o t a r y  I n t e r n a c i a.

Kiu helpas aliajn, helpas sin mem !

Dum Rotary-Kongreso en Wien, junio 1931, post bonega parolado de Sir Charles Mander kaj lerta aranĝo de prezidanto de ·Rotaria Esp.-Amikaro la kongreso decidis, ke komitato studu la demandon pri akcepto de internacia lingvo kiel esperanto kiel interligilon por la Rotary - Kluboj diversnaciaj.

Dum septembro 1931 okazis en Zürich kunveno de " Komitato pri Internacia Servo de Rotary-International(R.I.)".---Laŭ komisio de la Wien-a Konferenco (rezolucio 22) la komitato devis esplori la demandon pri elekto de la plej praktika internacia lingvo kaj pri rimedoj uzotaj por ĝia disvastigo ; ĝi devis poste raporti pri la tuta demando al la direktoraro de R. I.---La komitato unuanime opiniis , ke la alpreno de la internacia lingvo estus plej grava rimedo por celi internacian bonvolemon kaj interkomprenon , ke Esp. ŝajnas plej praktika el ĉiuj , ke por sukcesigi E.-on bezone estas serĉadi la kunlaboradon kun edukaj institucioj de ĉiuj landoj . La komitato proponis , ke la Rotary - Kluboj en ĉiuj landoj atentu pri tio kaj helpu al la edukaj institucioj de siaj urboj , por ke Esp. estu instruata al ĉiuj lernantoj . Fine la komitato proponis al la direktoraro de R. I.,havi reprezentanton ĉe la Kongreso de Esp. en Paris . S-ano Duperry, estro de la franca distrikto, efike partoprenis en Zürich kaj zorgis, por ke la disputo konforme al Wien-a rezolucio estu pri la elekto de la "lingvo" kaj ne pri la demando , ĉu internacia lingvo estas utila, ĉar al tiu lasta demando en Wien oni jam decidis jese.

"La komitato pri celoj kaj objektoj" unuanime alprenis la supre menciitajn rezoluciojn la 31. de oktobro 1931.

La direktoraro de R. I. post ricevo de la raporto publikigis en angla lingvo raporton " por kaj kontraŭ E.-,"redaktitan de Duperry.

Ĝenerala kunsido de R.-Esp.-Amikaro (R.E.A.) dum XXIV-a en Paris decidis peti la estraron en Chicago pri dissendo de la komitatraporto al ĉiuj kluboj en la mondo, aldonante raporton pri la XXIV-a.

Nova estraro de R. E. A.----Laŭ decido de la ĝenerala kunsido en Wien (en Intern Esp.-Muzeo,1931)estis decidite, ke la germanaj anoj transprenu la gvidadon . Por la periodo 1932-1933 funkcios kiel prezidanto konsulo d-ro Heinrich Arnhold, bankiero, kaj kiel sekr.-kas. konsulo dipl.inĝ. Karl von Frenckell , ambaŭ membroj de Rotary - klubo Dresden, A.-1, Waisenhausstr.20.---Malaltigita jarkotizo fr. fr. 20.-, sendotaj al Rotary - klubo Dresden. Sendu novaĵojn pri Rotary kaj Esperanto al la sekr.por la fakorgano"Mondamikeco."

La "Eŭropa Konsilantaro" fondis komitaton,kiu raportis la 28. de aŭgusto 1932 pri la opinio koncerne la malfacilaĵojn de la diverslingveco. Al la komitato apartenis Boehler-Wien, Duperry-Paris , Hermann-Teplitz kaj Thornwall-Helsingfors.---Oni pritraktis , ĉu internacia helplingvo, ĉu vivantaj lingvoj, kaj rekomendis la lernadon de dua vivanta lingvo kun konsidero de la najbarlingvoj.--R.E.A. nun dissendis 5-folian respondon al ĉiuj governoroj, al la membroj de Eŭropa Kons.Komitato,al la direktoraro de R.I. ktp.entute 200.

Interesigu en via urbo rotarianojn al E. , al lernado de la lingvo kaj raportu al R.E.A.

Sekcia ĉefo d-ro Franz Uebelhör

La Federacia Prezidanto distingis la "bonan anĝelon" de nia IEMW, d-ron Franz Uebelhör, membro de IHK de IEMW, per la "Granda Honorinsigno kun la stelo".
Elkore gratulas:
ICK., IEMW., AEA., E.-Klubo, AE.

------

Ofte uzataj mallongigoj:

UFE Universala Federacio Esp.
KR Konstantanta Reprezentantaro de la Nacioj
LK Lingva Komitato, Edinburgh
ICK Intern.Centra Komitato de la E.-movado, Genève
IEMW Intern.E.-Muzeo, Wien
IHK Int.Honora Komitato de IEMW
IKK Int.Kuratora Komitato de "
LKK Loka Kuratora Komitato de"
UEA Universala E-Asoico, Genève
XXV-a 25-a Universala Kongreso de Esperanto, 1933, Köln
LKK de XXV-a Loka Kongres-Kom.
AEA Aŭstria Esperanto-Asocio
BEA Brita E.-Asocio
GEA Germana E.-Asocio ktp.
AE Aŭstria Esperantisto
SAT Sennacieca Asocio Tutmonda, Paris
LEA Laborista E.-Asocio, Berlin
ALLE Aŭstria Laborista Ligo E.
AELA Asocio de Esp.Libro-Amikoj (Literatura Mondo, Budapest)
s-ro sinjoro
s-ino sinjorino
f-ino fraŭlino
s-ano samideano
d-ro doktoro

------

Gravaj informoj.

...Radio-Oslo konsentis al Norvega E.-Ligo ĉiumonate kvaron - horon. Ni miras, kial oni ne permesas ĉiusemajnan kvaronhoron, ĉar la direkcio ja estas tre progresema !
...Radio-Leningrad dissendas ĉiumonate la 2., 6., 8., 12., 16., 19., 22., 26., 29. je 22 h 7 aŭ 23 h 7 MET (Mezeŭropa tempo).
...Budapest - a Foiro dissendis kiel invitilon al sia printempa arango E.-lingvajn kalendarojn.
..." Weltbund für gegenseitige Wirtschaftshilfe", Wien arangis la 6.jan. varbkunvenon, dum kiu reg.kons. Steiner faris paroladon pri " Esperanto kiel internacia trafiklingvo " kaj kalk.kons Frey lumbildparoladon pri Köln.
..." Interessantes Blatt "- Wien aperigis bildon de la E.-Kurso de reg.kons.Steiner kun la ĉinaj policoficiroj.
...Danzig.Okaze de la 25-jara ekzistado de la societo kaj de la naskiĝtago de ĝia fondintino, s-ino Anna Tuschinski, "Danzig -a E.-Societo" arangis grandan feston kaj eldonis festskribon.
...Nova flugfolio de Germana E.-Asocio " Die Frage ist entschieden".--Bona propagandilo, sed la leganto miros pri tio, ke oni forgesis aldoni certe sama gravan informon pri "Intern.Esperanto - Muzeo", aliĝita kiel specialkolekto al la fama Nacia Biblioteko en Wien!---Certe oni forgesis tion mencii, ĉar GEA, ties prezidanto kaj afergvidanto estas membroj de la Muzeo, sed-----tio ne devus okazi ĉe publikiĝoj, eldonitaj de G.E.A. !
...Sudokcientgermana E.-Ligo , elektis dum sia jarkunveno kiel prezidanton ree nian fervoran s-anon Kurt Schönrich, Wiesbaden.
..."Komercista E.-Unio, Dresden". Nova disko kun du arioj el operoj, kantitaj en E.estos fabrikigataj post sufiĉaj antaŭmendoj je favorprezo de Rm 2.5o anstataŭ Rm 3.5o.
...Nia s-ano d-ro Rud.C. Maeder, apotekisto en St.Gallen, Svisujo, prez.de Svisa E.-Federacio, uzas sur siaj reklamiloj Esperanton kaj sur la kovertoj notis "Esperanto parolata". Imitu lin aliaj!
..."Tutmondo Esperanta", monata revuo amuza kaj sciiga, ekaperis en januaro ĉe Fr.Schloe, Karlsruhe, Dammerstokstr. 15.
...Nova adreso:"L'Esperanto"-Torino, Via Golfredo Casalis 25.

Esperanto-Klub. Wien.

"Esperanto-Klub"estis fondata la 8.de dec.1932 en ĉeesto de 35 membroj.Nun jam estas 73 membroj.
Celo:1) interesigi al Esperanto per belaj aranĝoj,en kiuj dum 10 minutoj parolos s-ano pri temo, interesa por la invitita publiko en E. kun traduko germanlingven (ekz.:E. kaj komerco,E.kaj arto, E.kaj arkitekturo,E.kaj internacia kaj nacia literaturoj ktp. ) kaj poste prelegos eminentulo neesperantista pri interesa problemo eventuale kun lumbildoj , ĉiam alian sferon de la inteligentularo kaj tiel enpenetrigi E.-on en ĉi tiujn rondojn;2) tiamaniere reprezenti la E-movadon en bela,alloga kadro;3) kulturi en societo de elektita rondo de samideanoj veran amikecon en Zamenhof-a spirito.
Kunvenoj ĉiujn duan kaj kvaran jaŭdon en la klubejo ĉe Kafejo Siller ("Ora salonego"),Wien,I , Schwedenplatz.
Partopreni nur povas membroj kaj de ili invititaj gastoj,kiuj ricevos apartajn invitkartojn.Alilandanoj ĉiam kore bonvenaj.
Kotizo:Por 1932/33 neniu kotizo. Por la enskribo estu pagota 1 S.
Almembriĝo:Sinanonco al la prez. Wien,I.Neue Burg aŭ pere de membro. Post trifoja vizito de niaj kunvenoj estos balotata pri la akcepto,kiu okazos nur per ĉiuj voĉoj.
Devoj de la membroj:ĉeesti niajn kunvenojn la duan jaŭdon de l' monato kaj labori por nia klubo. En kazoj de malhelpo la membroj estas devigataj anonci tion al la prezidanto antaŭ la kunveno, ankaŭ telefone (R 27803) La kvaran jaŭdon okazos ĉiam E.-prelegoj kaj konversacio nur en E. La membroj agos bone partopreni,sed ne estas devigataj.Komenco ĉiam precize je la 20 h.

----------

La unua granda aranĝo okazis la 12.de januaro en la klubejo "Goldener Saal" de kafejo Siller kaj fariĝis plena sukceso pro la abundo kaj nivelo de la prezentitaj artaj programeroj kaj pro la ĉeesto de multnombra distinga publiko.--Koncertkantisto Edmund B r a n d kantis kun multa sentado kelkajn kantojn de Löwe kaj "Ho,mia kor'!" (vortoj de Zamenhof);lin sekvis ĉarmaj liutokantoj(unu en Esp., teksto sekvas),prezentitaj kun multa sprito kaj humoro de Adelheid B e r g m a n n (Radio k. Urania-Wien). Impona, rasa scenejpersoneco estis s-ino Margret H a r d e g g (Hofgartenspiele-München),kies arta kaj eleganta prezentado de gajaj,mondumaj kantoj ravis ĉiujn. S-ino Aleksandra von H e r m a n n ( Komödie )montris kun ĉarmo sian kapablecon de komikaj figuroj el la grandurbo en serio da gajaj prezentadoj(1 en Esp., originalo de Vallas,trad.de dro Biehler); s-ro Leo F ö r s t e r (Neues Wiener Lustspielhaus)denove firmigis sian brilan famon kiel bonega humoristo kaj trafresponda rapidegpoeto.La arta aranĝo de la vespero estis fidata al la fama kaj ŝatata verkisto Alexander Max V a l l a s, kiu per sia gaja,sprita k.arta anoncmaniero kaj bonega recitado de memverkitaj poemoj jam post la unuaj vortoj kontaktiĝis kun la aŭskultantaro k. pligrandigis la aplaŭdeman gajecon de numero al numero. Komponisto profesoro Béla A d l e r akompanis senteme sur la pianoforte.

La aŭskultantaro aplaŭdegis ĉiam denove kaj ,kvankam meznokto jam estis veninta,ĝi volonte estus restinta ankoraŭ kelkajn horojn.

Estis vere belega aranĝo kaj la artistoj ĉiuj estu dankataj kaj speciale la konferenciero Alex.Max Vallas krome pro siaj multflankaj klopodoj.

----------

Venontaj aranĝoj:

9.de februaro verkisto Alex.

Max Vallas faros paroladon pri "Die österreichische Neuheiten - industrie und deren kommerzielle Auswertung.Gute und schlechteReklame".

9.de marto Baurat Ing.Siegf. T h e i s s , profesoro en Teknika Altlernejo en Wien,la arkitekto de la unua turdomego en Wien, parolos kun lumbildoj pri "Das Hochhaus en Wien".

La membroj ricevos ĝustatempe siajn kartojn;aliaj,kiuj deziras partopreni,bonvolu ĝustatempe peti pro invitbiletoj.

------------

Antikva germana kanto
kantita de s-ino Bergmann,
trad.de d-ro Biehler-Graz.

Ĉi-supre sur jena monto
Ordomon vidas mi
Kaj ĉiam frumatene
Elvenas knabinoj tri.

L'unua nomiĝas Suzanna,
La dua Annemarie,
La trian ne volas mi nomi,
Ĉar mia estu ŝi!

Ĉi-sube en jena valo
Turniĝas rad' ĉe river',
Muelas nenion krom amon
De l' fruo ĝis la vesper'.

Rompita estas la rado,
Sed amo estas sen fin',
Kaj,se gekaruloj disiĝas,
La manoj renkontas sin.

----------

Naiveco.
de Alexander Max Vallas,
trad.de d-ro Biehler-Graz.

Bildo pendis en salono -
Ne ekzistas plia bel' -
Gravurita sube nomo :
"Perdiĝinta la ĉiel'".

La gepatroj de l'homgentoj
En kostum' laŭ praa mod'
Inter tigroj kaj serpentoj
Pomojn manĝis malgraŭ kod'.

Iutage post tagmanĝo
Fil' René per flustroson'
(Ne plu hejme estis panjo)
Franjon logis al salon'.

Nun sen risk' por la geuloj
Pro kolero de l'patrin'
Al avidaj la okuloj
La pentraĵ' prezentis sin.

Longe staris nia paro,
Ĝis satiĝis scivolem',
Bela pli ol blua maro
Estis tiu bildo mem.

Jen René kun tim' parolis,
(Eta ŝajnis li al si)
De fratinjo servon volis
"Montru Adam do al mi !"

Poste Lotte ,la pli sprita:
"Ankaŭ mi ne scias ĝin,
Ĉar la paro jen pentrita
Ja forgesis vesti sin."

----------

Kiu deziras vere amuzi,legu
A.M.Vallas"Pandoras Funkdose"
(eldonejo Parcus & Co.,München)

-----------

...La klubmembroj certe kunvenu la 26.de januaro en la klubejo. Programo: Parolado de klubano W. Smital; starigo de la programo por la sezono. Precize 20 h.

...Aliurbaj klubanoj kompreneble ne estas devigataj partopreni la kunvenojn.

n-n-n-n-n-n-n

Adolf Macho mortis.

Adolf Macho naskiĝis la 20.de aŭg.1856 en Topkovitz ĉe Aussig, ĈSR.--Post studado en realgimnazio kaj instruista lernejo li fariĝis en 1877 instruisto kaj poste en burĝlernejo,1917 direktoro de perfektiga lernejo por meblistoj kaj ĝardenistoj ĝis 1923.

Dum sia tuta vivo Macho multe okupiĝis pri skioptikono, fotografado,pentrado kaj pri studado de lingvoj kiel latina,greka angla,franca,itala,ĉeĥa kaj Esperanto.

Pri sia esperantistiĝo Macho skribis al " Literatura Mondo ": " 1906 mi fariĝis esperantisto. Tiam estis en Wien nur unu societo "Unuiĝo". Rekoninte, ke unu E-soc. por la tuta ĉefurbo estas ne sufiĉe granda bazo por la propagando de nia lingvo, mi fondis 19o8 la duan E-societon Fideleco, kies prezidanto mi estas ankoraŭ hodiaŭ (1932)."

Kun aliaj pioniroj li fondis "Unuiĝon de E.-instruistoj", kies prezidanto li longtempe estis. Li estis ankaŭ membro de diversaj aliaj E.-grupoj k. gvidis kursojn por burĝ-k. komerclernejanoj kaj por plenkreskuloj. Unu de liaj lernantoj fondis la E.-soc." Danubio" k. du aliaj la "Akademia grupo"n. Unu grupfondiĝo sekvis la alian kaj la granda bazo por E. estis de li kreita. La aŭstria registaro invitis lin en la ŝtatan ekzamenkomisionon por E., kies membro li restis ĝis sia malsaniĝo en 1928. Li mortis la 26. dec. 1932 pro apopleksio kaj edemo.

Macho estis bonega konanto de E. kaj tradukis grandan nombron da poeziaĵoj de diversaj poetoj, inter ili la tutan verkon "Dreizehnlinden". Li verkis ampleksan vortaron pri "Bestnomoj" (germ.-E. kaj E.-germ.).

Ĉiujn siajn produktaĵojn spiritajn kaj E.-bibliotekon li testamentis al sia longjara admirantino kaj amikino f-ino Bayhofer, membro de "Fideleco", kiu promesis donaci la postlasaĵon de Macho al Intern. Esperanto-Muzeo post certa tempo.

La enterigo okazis la 31. dec. en la centra tombejo kaj aro da esperantistoj donis al li lastan honoron. "Fideleco" kaj "Unuiĝo" metis florkronojn sur lian ĉerkon kaj reg.kons. Steiner parolis adiaŭajn vortojn ĉe lia tombo.

Ni perdis denove fervoran kaj meritplenan pioniron k. konservos lin en dankema memoro.

Adolf Macho ripozu en paco!

Fr. Stengel

(kies E.-instruisto li estis).

## Edward Saxton Payson mortis.

en aĝo de 90 jaroj la 22.9. 1932 en Lexington, Usono. Li nenion sciis pri E. ĝis sia 70. vivjaro, sed konatiĝinte kun ĝi, li decidis, dediĉi siajn lastajn jarojn al ĝi. Li tradukis:

La Akrobato de nia Sinjorino.
Blanche, la Virgulino de Lille.
La rozujo ĉiumiljara.
Miserere-Thais.
Mimi.
La Mistera karto.
Palaco de danĝero.

kaj kune kun s-ano Butler:

Luno de Izrael

Li ripozu en paco!

-----------

## Lingvaj demandoj.

Red.: D-ro W. Biehler, Graz.

...b) Deriviloj por adjektivoj kaj verboj.

§ 5. La unua grupo de germanaj adjektivo- formiloj konsistas el la sufiksoj -en, -ern, -ig kaj -isch. La E.- tradukoj de vortoj, finiĝantaj je iu el la tri unuaj kutime restas tute sensufiksaj. Per -en, -ern precipe formiĝas adjektivoj, indikantaj la materialon, el kio objekto konsistas ( ora, arĝenta, plumba, silka ); -ig ofte adjektivigas simplan aŭ kunmetitan adverbon (morgaŭa, ĉiuflanka).

Pli varia estas la esperantigo de la germana sufikso -isch. Kelkfoje ankaŭ ĝi simple forrestas, precipe, se temas pri vortoj, indikantaj rilatojn al lokoj aŭ personoj (roma, aŭstr/i/a Zamenhofa). Sed -isch-adjektivoj krome havas la sencon de inklino (E.-e:-em; ekz. enviema), de destino al io nepre meritita (pentrinda) kaj de malestimindeco (infanaĉa; kp. poste -lich §6).

§ 6. Ekzistas ankaŭ adjektivaj sufiksoj, kiuj iam estis memstaraj vortoj (kp. supre §3), nome -bar, -haft, -lich, -sam. Ne ofte oni tradukante povas rezigni sufikson ( danko mira )

-Bar, -haft, -sam ofte indikas inklinon (dankema, babilema, obeema), ĉiuj kvar kelkfoje eblecon aŭ neceson (neforgesebla, uzebla, pensebla, fleksebla, kredebla); ili do povas havi jen aktivan, jen pasivan sencon. Aktivan kaŭzigon esprimas ekz. fruchtbar, schmerzhaft (E.-e doloriga, fruktiga aŭ pli kutime fruktodona; -bar laŭvorte estas "portanta"). La vorto "männlich" havas duoblan sencon; oni parolas pri vira sekso, sed pri viraj virtoj. Aliaj -lich adjektivoj esprimas, ke kvalito konformiĝas al certaj idealoj aŭ postuloj (E.-kunmetaĵoj kun laŭ: laŭleĝa). Parenca al la ideo de -isch en "malerisch" (§5, 2.alineo) estas "rätlich, ratsam"; do traduku: konsilinda. Kelkfoje -lich ankaŭ havas malgrandigan sencon (malsaneta). Daŭrigota.

8-8-8-8-8-8-8-8-8-8-8-8-8-8-8

## N o r e j a.

Prahistoria ĉefurbo en Stirio.

...Malmulte konata kaj pro tio preskaŭ ne tuŝita de turisma trafluo kuŝas en belega regiono de la bela, verda Stirio ĉarma vilaĝo sur prahistoria tero. En gvidlibroj kaj planoj ni trovas ĝin, nomita St.Margarethen; sed oficiale jam depost 1930 la loko estas ree nomita Noreja kiel antaŭ du mil jaroj.

...La ĝis nun konata Noreja en Karintio estas la roma, sed ĉi tiu estas la kelta, kaj okazis la unua batalo renkonto inter germanoj kaj romanoj en la jaro 113 antaŭ Kristo (a.K.) sur Hörfeld (Hörfeld-valo) apud Mühlen kaj Noreja en Stirio.

...Kelkjaraj esploroj kaj fosadrezultoj de profesoro Walter Schmid en Graz eltrovigis sufiĉe certigajn pruvojn por tio.

...Inter gis nun trovitaj 39 domoj estas unu rekonita kiel "reĝdomo". Domon de reĝo oni kutime imagas luksan marmoran palacon; sed tiu rekonstruita rezidejo de pragenta reĝo aspektas ne tia. Granda, sed nur simple arbtrunka konstruaĵo staras antaŭ niaj okuloj. Tamen la impreso trafas nin profunden. Ni ja rigardas "la unuan foĵon de germana historio". Tiu ĉi Noreja

Urgeschichtliche Hauptstadt in Steiermark.

...Wenig bekannt und daher fast unberührt vom Turistenstrom liegt in einem herrlichen Gebiete der schönen, grünen Steiermark ein reizendes Dorf auf urgeschichtlichem Boden. In Führern und Plänen finden wir es genannt St.Margarethen; aber offiziell wird der Ort schon seit dem Jahre 1930 neuerdings Noreja genannt wie vor 2000 Jahren.

...Das bis nun bekannte Noreja in Kärnten ist das römische, aber dieses ist das keltische, und das erste kriegerische Zusammentreffen zwischen Germanen und Römern im Jahre 113 vor Ch. fand statt in Hörfeld (Hörfeld-Tal) bei Mühlen und Noreja in Steiermark.

...Mehrjährige Forschungen und Grabungsresultate des Professors Walter Schmid in Graz erbrachten genügend überzeugende Beweise.

...Unter 39 bis nun aufgefundenen Häusern ist eines als "Königshaus" erkannt worden. Unter einem Königshaus stellt man sich gewöhnlich einen verschwenderischen, marmornen Palast vor; aber diese wiedererbaute Residenz des Königs eines Urgeschlechtes sieht nicht so aus. Ein grosses, aber nur einfaches Blockhaus steht vor unseren Augen. Dennoch wirkt der Eindruck auf uns bis ins In-

nuntempe idilia vilaĝo kun preĝejo kaj lernejo , estis la ĉefurbo de la kelta Noricum.

La loko estas ne malfacile atingebla . En Neumarkt , Supra Stirio , ni forlasas la fervojon kaj daŭrigas per aŭtobuso la ĝuoplenan veturadon duonhoran tra varie bela pejzaĝo ĝis Mühlen(961 m) , ĉarma vilaĝo,romantike lokigita inter arbaroj kaj montetoj kaj herbejoj , proksime de Zirbitzkogel . Laŭ sia nomo Mühlen havas multajn muelejojn . Tage kaj nokte aŭdiĝas idilia plaŭdado de la muelejaj akvofluoj el la montara rivereto Hörfelbach . La loko per si mem

De Mühlen al Noreja (1080 m) kondukas bela arbarvojo supren , ebligante vastan superviđon je la tuta valo Hörfeld , super verdaj montetoj al arbaraj kupoloj kaj malproksimen al neĝkovrita montaro.

Jarmiloj pasas, sed la naturo ne ĉesas prediki la gloron de la Kreinto. Christine Siedl

nerste. Wir betrachten ja " das erste Blatt germanischer Geschichte ". Dieses Noreja, heute ein idillisches Dorf mit Kirche und Schule , die Hauptstadt des keltischen Noricum.

Der Ort ist nicht schwer erreichbar. In Neumarkt,Ober-Steier , verlassen wir die Bahn und setzen mit Autobus die genussreiche,halbstündige Fahrt durch eine verschiedenartig schöne Landschaft fort bis Mühlen(961m) einem reizenden Dorf,romantisch gelegen zwischen Wäldern und Wiesen,nahe dem Zirbitzkogel . Seinem Namen nach hat Mühlen viele Mühlen.Tag und Nacht wird idillisches Plaudern der Mühlenwasser aus dem Gebirgsbach Hörfelbach gehört.Der Ort an und für sich ladet zu längerem Aufenthalte ein.

Von Mühlen nach Noreja führt ein schöner Waldweg hinauf , der einen weiten Ueberblick ermöglicht auf das ganze Tal Hörfeld über grüne Hügeln zu Waldkuppeln und nach der Ferne zu von Schnee bedecktem Gebirge.

Jahrtausende vergehen , aber die Natur hört nicht auf zu künden den Ruhm des Schöpfers.

o -o -o -o -o -o -o -o -o -o

## Spritaĵoj.

Dommastro: " Kian malagrablan bruon faras hodiaŭ nia loĝanto en la supra etaĝo ? Kion signifas do tiu ĉi senĉesa siblegado kaj kraĉado ?"

Ĉambristino : " Li komencas lerni la anglan lingvon."

("Suda Kruco"-Melbourne)

A.( fanfaronulo ):"Mi estis jam en ĉiuj landoj kaj ĉefurboj de la tuta mondo."

B." Nu , tiam vi certe scias jam laŭ praktiko la geografion"

A.:"Ne tie mi ne ankoraŭ estis, sed mi jam dufoje preterveturis ĝin." (Pernegg-Graz)

A.:" Ĉu vi scias, kiel la esperantistoj facile sin povus riĉigi ?"

B.:" Kiel do ?"

A.:"Ili prenu ovon,forigu v, anstataŭigu ĝin per r kaj havos oron."

B.:"Ho,la esperantistoj estas riĉaj ; oro estas dum ĉiu horo portita en iliaj koroj !"

(J.Faderbauer, Obersulz)

o-o-o-o-o-o-o-o

## Sentenco.

La ministro pensas por ĉiuj,
la soldato batalas por ĉiuj,
la episkopo preĝas por ĉiuj,
la laboristo pagas por ĉiuj.

("La Socialisto"-Wien)

Vizitkart-enigmo
De Karl Haager,Wien

---

S. T o s i
T u r i n

---

Salutojn el Japanujo sendas s-ano Masao Suzuki, profesoro en Fiziologia Instituto de Medicina Kolegio de Tiba,al ĉiuj , kiuj lin helpis dum lia 2½-jara studrestado en Eŭropo . S-ano Suzuki estas ankaŭ membro de IEMW.

o - o - o

Deziras korespondi

...Danujo. Partoprenintoj de Ĉe-kursoj . Adreso : Esperanto-Klub "Kornmod",Silkeborg,Fredensg. 9.
....Latvujo. F-ino Adele Foerst , 27-jara instruistino, Riga, Grobinas 12-9 (Pk.ilustr.).
...Norvegujo.F-ino Andrea Klinge sekr.de Esp.-grupo,Trondheim.
...Portugalujo.Lino de Andrade , Setubal,Avenida Todi 464.
...Svedujo. Fritjof Ahnfeldt,44-jara popollerneja instr. , pri paco kaj abstinenca movadoj, religio k.instruado: Torskors.
...USSR.(Karelija).B.N.Kameŝkov, 21-jara ĵurnalisto,volas trovi "akompanantinon de la vivo".Pinozero,Murmansk ĵ.d.,Nivastroj , ŝkola semiletka.
...USSR(Ukrainio).Petro Ŝurja - nenko,Valki,Ĥarkovska oblast.Il. Pk.kun bildoj pri E.,E.-afiŝojn kontraŭ ilustr. gazetoj.
...USSR(Nordkaŭkazo).L.Levenzon, Ŝaĥty,deziras por sia grupo kor. kun laboristoj k.oficistoj.
...Japanujo. Jiro Arata,Okajama, 26 Kaŭasaki-ĉo.

o - o - o

Nichtbezieher leset die Nummer gut durch und bestellt die Zeitung. Fördert Esperanto dadurch,indem Ihr das Landesorgan bezieht.Jahresbezug S.3.9o,auch in zwei Raten zahlbar !

o - o - o

Freunde der A.E.

Unsere Zeitung tritt in das z e h n t e Jahr ihres Erscheinens.

Viel Sorgen hat dem Herausgeber die Zeitung gemacht und so mancher Leser ist untreu geworden , weil er nicht erkannt hat, dass ein Organ ein notwendiger Bestandteil unserer Bewegung ist und dass eine E.-Zeitung nicht den Wünschen aller Leser gerecht werden kann.

Aber es sind doch immerhin einige Hundert,die unserem Organe treu geblieben sind,seine Mängel mit wahrhaft samideanen Augen betrachtet haben und vor allem den guten Willen in Betracht zogen,den ich im Interesse der Bewegung stets gehabt habe.

Ihnen , den treuen Freunden , sei im Namen der Bewegung hier Dank gesagt.

Um das Organ erhalten zu können , war eine Verbilligung und daher auch eine Umstellung in der Form nötig . Ich hoffe, dass Sie damit zufrieden sind.

Berücksichtigen Sie vor allem meinen guten Willen und helfen Sie auch weiter mit am Aufbau und Ausbau unseres A.E.

Jeder von Ihnen werbe einen neuen Bezieher des Blattes (die Namen der Werber werden veröffentlicht).Für je 3 neugeworbene Bezieher ½-jähriger Bezug, für 5 ganzjähriger kostenlos.

Helfen auch Sie mit,indem Sie Artikel senden;Berichte über alle Vorkommnisse in Ihrem Orte u. Ihrer Gegend;geben Sie Anregung!

Wer will die Redaktion für eine Frauen-, Kinder-, Schach- , Rätsel-Rubrik übernehmen?Wer Beiträge hiezu einsenden ?

Jede Nummer ist mindestens 12 Seiten stark!

o - o - o

Fotoj de la XVI.Univ.Kongreso de Esp. en Wien ( antaŭ la urbdomo) estas riceveblaj en IEMW po 60 gr en la grando de 15je 21 cm. Mendu tuj ĉe IEMW.

Aŭstria Esperanto-Asocio
Linz, Weissenwolfstr. 31

...AEA.aranĝis monkolekton por fari donacojn je Kristnasko al vidvino de aktiva esperantisto kaj al sub krizo suferantaj ge-esperantistoj.Donacis grupo Fideleco-Wien S 20, grupo Klagenfurt 11,grupo Siegmundsherberg S 3 , grupo Linz 2.64 , gvidanto de E.-kurso en Mattighofen R.U. S 10,dir. K.Wannek S 10. Ni dissendis 7 pakaĵojn kun nutraĵoj , 4 al Wien, 2 al provincaj lokoj. Por la ricevintoj ni esprimas elkoran dankon al ĉiuj donacintoj.

...Novaj kursoj estas gvidataj en Gmunden (Holzleitner), Mauerkirchen(f-ino Koneberg) , Schwanenstadt (gvidanto ne konata al ni ) kaj en Lienz por skoltoj de St. Georg ( F.A.Kirchner ).

...Zamenhoffestoj okazis 14. 12. en Wien(18o pers.) , en Linz 16. 12.(3o p.) kaj Salzburg 17.12. ; ĉie varia programo.

...La filmo " Köln kaj la Rheinlando" komence de januaro estos prezentata en Braunau, Mattighofen, Ried . Sekvos ankoraŭ aliaj urboj.

...Grupo Linz elektis novan estraron: Prez.-Insp. Meisleder, sekr.-Bürger , kas.-J.Mraz . La grupo unuanime decidis aliĝi al kontrakto , farita inter AEA kaj UEA. Membrokotizo alligita S 7.

AEA.: Wannek

...Gr.Sieghartts.Post multaj klopodoj s-ano Nowotny sukcesis arigi 16 s-anojn,kiuj depost 22.de oktobro 1932 ĉiusemajne kunvenas por ekzerci.Grupfondo intencata.

...Krems. La 15. de dec. 1932 la E.- grupo festis la honorigon de sia honorprezidanto konsistoria konsilisto P. Franz de Mestan. Prezidanto Stanke en bonstila parolado konstatis la grandajn meritojn de l' honorigito koncerne E.-on kaj speciale la E.-grupon en Krems kaj esprimis la ĝojon pri la honorigo nome de la tuta grupo . Plibeligi la belan vesperon kunhelpis ĉiuj gegrupanoj per kantoj ktp.--Post dankvortoj P. Mestan faris menorparoladon al d-ro Zamenhof okaze de ties naskiĝtago.

...Salzburg. Salzburga E.-grupo okazigis la 17. dec.en hotelo Wolf Dietrich finfeston de la Cseh-kurso,Zamenhof-k. Kristnaskfestojn . Bela ludado de nia muzikorkestro malfermis ĝin en la plenplena salono.La grupo kaj la partoprenantoj de la ĝisnunaj 3 Csehkursoj dediĉis al prof.Christanell tre belan dankdiplomon , pentritan de s-ano Rathner. La germanlingva festparolado de s-ano prof.Mathiaschek-Hallein pri Kristnasko k. la interna ideo de E. ekscitis admiron.F-inoj Welz kaj Ella Binder kantis ĉarme sub la kristarbo,k. f-ino Welz,akompanata de s-ano Huber, ankaŭ tre ĝojigis per sia belega kantado. La finon faris "donactemplo" kaj gaja teatraĵeto de d-ro Christanell"Die Csehkurslehrerin"(f-ino Binder). SEG.kreskas,akiras konstante novajn anojn kaj amikojn. Ĉeestis 1oo personoj.

Stegmüller,prez.;Scheierl,sekr.

...Wien."Danubio":16.I.prez.Ĉech (Humoraj rakontoj)kaj Irma Metzger(Modernaj fabeloj); 23.I.Parolata E.-gazeto : S-anoj Ĉech, Denks,Hovorka,Klein,d-roPfeffer, Selzer kaj Vasta.

...Wien.Kat. Unuiĝo E.":La 11.de jan. s-ano N. Hovorka faris sian unuan prelegon de sia el latina originalo tradukita verko " Konfesoj de Sankta Aŭgustino".

...Kolonelo Zwach-grupo-Wien.

...E.-societo "Kurage Antaŭen !" ŝanĝis sian nomon en "Kolonelo Zwach-grupo ", por tiel honorigi nian meritplenan E.- poeton kaj tradukinton Franz Zwach , kies traduko de "Malŝparulo" de Ferd. Raimund estis prezentita dum la Univ. E.- Kongreso en Wien 1924 La grupo daŭrigas siajn senpage viziteblajn Esp. - konversaciojn ĉiumarde 16-18 h en bela, aparta ĉambro de "Stafa"-grandmagazeno, Wien,7.Mariahilferstr.12o,5.et.

-lifto senpaga---sub la lerta gvidado de inspekt. Jüptner UEA-del. de Vöslau. R.M.Frey

---

Esp.-Verein für Steiermark
Graz,VI.Schönaug. 6.

...Leitungssitzung vom 16.u. 18. Dez.1932. Bei der Aemteraufteilung wird z.1.Bibliothekar H.Turk zum 2.Schriftführer H.Bauer ,gewählt; die Damen Marco u.Reg.Rat Storm verbleiben als Beisitzer im Ausschuss.Ueber den Besuch d. Reg.Rat Steiner am 9.d.u. dessen Vortrag über österr.u.intern.Organisationsfragen Berichtet H. Bartel.Der Schriftführer spricht sodann über den Plan einer öst. E.-Bücherei u. zeigt das von der Ortsgruppe Leoben rückerstattete Material . Durch eine offizielle Einladung unseres Vereines zur Zamenhoffeier d. Arbeiterverbandes wird d. Sitzung unterbrochen und ihre Fortsetzung am Sonntag notwendig.Der Obmann erörtert d. Antwortschreiben der AEA auf unsere Zuschrift u. bespricht die UFE-Satzungen,die Beifall finden doch müsste die UEA in der neuen Organisation aufgehen . Die endgiltige Stellungnahme muss hinausgeschoben werden. Biehler.

o - o - o - o - o - o - o

Leterkesto

...Sub ĉi tiu rubriko ni deziras mallonge respondi demandojn de niaj legantoj. Aldonu ĉiam respondafrankon al urĝaj demandoj!
..Al la subskribintoj de la gratulletero de la silvestra Esp.-kunveno , mian elkoran dankon k. malfruigitan sinceran gratulon. Steiner.
...Brazda,Wien.Koran dankon. St.
...Jungschaffer,Ried. Kliŝo ne havebla, nur foto.
...Pernegg,Graz.--Bedaŭre ni pro tro grandaj administraj laboroj kaj multaj poŝtelspezoj devis krei nur la kategorion de "Dumvivaj membroj " de la Muzeo. Ili povas pagi la unufojan kotizon en 3 partpagoj! Aliĝu !

o - o - o - o - o - o - o - o - o

Rimarkindaj presaĵoj

Literatura Mondo, Budapest
..."Trans la fabeloceano"de d-ro Fer.Szilágyi; 135 pg.kun 13 lignogravurajoj.Broŝ.prezo sv.fr.3, bind. sv.fr. 5.- plus 10 % sendkostoj.
16 belaj noveloj kaj poeziaĵoj,originale verkitaj,estas prezentataj al la leganto, kiu ilin legos kun ĝuo . La antaŭparolon skribis Kalocsay.

Belga E.-Instituto, Antwerpen.
..."La Langue Internationale. Le Problème et sa solution" kaj "De Internationale Taal.Het Vraagstuk en zijn Oplossing".-Ambaŭ verkoj po 74 pĝ.,prezo po Belg.fr.5,1932
La teksto de l'broŝuroj estas verkita de Zamenhof en 1900 . La argumentado,kiun enhavas la broŝuro ne nur estas valora dokumento el la historio de la int. lingvo,ĝi ankaŭ restas preskaŭ entute aktuala kaj estas instrua

o o o o o o o o o o o o o o o o o o o o o o o o o o o o o o o o o o o o o o o o o



o o o o o-o o o o o o o o o o o o o o o o o o o o o o o o o o o o o o o

pri la problemo de komuna lingva interkomprenilo . La unua libro enhavas E.-tekston kun la franca traduko de Maur. Jaumotte;la dua tiun kun flandra traduko de Willy de Schutter.

Int.Medicina Revuo,Bruxelles.
..." Esperanta Teknika Medicina Vortaro",verkita de d-ro Briquet Lille;359 pĝ.,bind.2 dol.,1932.
Fine ĝi eldoniĝis la longe atendita medicina vortaro , zorge presita sur luksa papero,kun3675 vortoj,la plej multaj kun derivaĵoj kaj diverslingvaj tradukoj. Mendebla ĉe : Int.Med.Revuo, 255 Ave.Longchamp,Bruxelles,Belgujo. Ni gratulas s-anon d-ro Briquet pro la grava de li farita verko.

"Amo per proverboj" , unuakta komedio de Arturo Azevedo; el la *portugala lingvo trad. A. Couto* Fernandes, L.K. kaj prez.de Brazila Ligo E.,Rio de Janeiro,1932 23 pĝ.,2.eld.,prezo sv.fr.o.5o.
Kelkaj opinioj pri la l.eld.:
" Mi treĝojas pri la tute korekta kaj agrabla stilo. Cart."
" Mi sincere gratulas pri via sprita kaj gajiga teatraĵeto.--- Grosjean Maupin"-----" Komedieto tre taŭga por la prezentado. Esperanto Triumfonta."-----" Ĉarma teatraĵeto, bone tradukita,plene taŭgas por E.-prezentadoj. Nova Tempo-Wien."

Heroldo de Esperanto-Köln, Brüsselerstr,94,eldonis jus sian " Katalogon de libroj n-ro 9",48 paĝoj.Mendu senpage.

"Esperanta Klubo"Vitraj Domoj" Warszawa, ekeldonis"Esperanta Laborista Presservo"-n,kies unua Bulteno ĵus aperis.

o - o - o - o - o - o

Gruppen,Runden bestellet AE.,wir schalten hiefür kostenlos Euere Vereinsabende ein !

Kunvenoj de esperantistoj.
Zusammenkünfte der Esperantisten

...Baden.
Präs.Nikolaus Pronay,Bahngasse 2
...Braunau am Inn.
Präs. J.O.Haselbauer, Haselbach
...Graz.
E.-Verein für Steiermark , Schönaug.6/II; Vereinsheim ( kunv. ) Bürgerg.4;Freit.(v)20-23h
E.-Verein"E.Peltier",Reitschulg. 8/III,sekr.Alois Koudelka.
...Hainburg.Volksschule,Di(m)20h
...Hallein.Gasthaus Freischütz
...Innsbruck.Hotel Grüner Baum, Museumstr. 35;Do(ĵ)20h
...Klagenfurt.Elektrizitätswerke
...Krems.Realschule,Ringstr.33 , Do(ĵ) 20h
...Linz.Gasthaus Stadtgut,Volksgartenstrasse
...Salzburg. Gasthof Schwarzes *Rössel,Bergg.;Mi(mk) 20h*
...Sigmundsherberg.Schule;Fr(v), 20h
...Steyr.Schlüsselhofg.24(v) 20h
...Wien.
...D-ro Sos-grupo,I.Kafejo Kolowratring;Schubertring 2;Fr(v)19h
...E.-soc.Danubio,Cafe Egkher,7. Lerchenfelderstr.23,Mo(l)20h
...Akademia E.-Unuiĝo,la sama ejo kaj horo
...Merkreda Rondo,4.Schäfferg.3, Magistrat.Bez.Amt,Mi(mk) 19h
...E.-soc.Fideleco,Cafe Zoglmann 18.Staudg.1,Di(m)16-19h
...Koloman Kalocsay-grupo,ĉe s-ro Hovorka,9.Löblichg.3,Mi(mk)19h
...E.-rondo Verda Angulo ĉe fakinstr.E.Dittrich,16.Wattg.20
...E.-rondo Kolonelo Zwach ĉeStafa 7.Mariahilferstr.120,Di(m)16-18h
...Grupo en Meidling,Cafe Theresienbad,12.Schönbrunnerstr.271,ĵ
...E.-org.de Oficĥavantoj(kiel Merkr.Klubo)ciutaĝe esc.sab.,19h
...Katolika Unuiĝo E.,I.Freyung 6(Schottenkloster),Mi(mk)18-20h
...Bohema Klubo E. ĉe Hofrat dro K. Klečka,13.Philippsg.7/4.

Posedanto,administranto,eldonanto kaj respondeca redaktoro Regierungsrat Hugo Steiner, Bisamberg, Bundesstrasse 154.
Preso ĉe Rudolf Foltanek, Wien, I.Herrengasse 2.




2.Jahrg. 1933 № 1

## E s p e r a n t o - L i t e r a t u r

Unter meinen Lagervorräten befinden sich Bücher, die im Laufe der Zeit verstaubt oder durch andere kleine Fehler unansehnlich geworden sind. Wegen Platzmangel veräussere ich diese Bücher zu bedeutend e r m ä s s i g t e n Preisen und biete freibleibend an:

| | |
|---|---|
| Andersen.Ch. Bildlibro sen bildoj. broŝ. (2.-) | 1.- |
| Baghy.J. Pilgrimo. Poemaro. broŝ. (2.50) | 1.80 |
| - Preter la vivo. Poemaro. (3.40) | 2.20 |
| Bennemann.P. Internacia kantaro: Muzika eldono kun notoj. bind. (5.40) | 3.- |
| Bonsels.W. Solandro. Trad.de E.Sos. broŝ. (1.50) | -.50 |
| Cart.Th. Vortaro de la oficialaj radikoj. broŝ. (-:60) | -.40 |
| Christaller.P. Esperanto ein Kulturfaktor: Bd.2 Festschr.z.7.Deutschen Esp.Kongress.broŝ.(3.60) | 2.- |
| - Bd.3 " " 8. " " " broŝ.(3.60) | 2.- |
| Combé.T. Dankon. Pensoj pri E.Rousseau. broŝ. (-.40) | -.20 |
| Esperantista dokumentaro: 14-a Univ.Kongreso de Esp.broŝ.(2.50) | 1.50 |
| - - 16-a " " " " " (2.50) | 1.50 |
| - - 18-a " " " " " (4.50) | 3.- |
| Evangelio sankta Mateo laŭ d-ro M.Luther. broŝ. (-.90) | -.50 |
| Fingeller.H. La vero pri Suda Tirolo. broŝ. (1.60) | 1.- |
| Fouqué.M. Ondino (Undine) Fabelo. broŝ. (1.80) | 1.20 |
| Goethe.J.W. Ifigenio en Taŭrido. Trad de d-ro Zamenhof.broŝ.(3.60) | 2.- |
| Gogol.N. La Portreto. Rakonto. broŝ. (2.30) | 1.50 |
| Grossjean-Maupin.E. Oficiala klasika libro de Esperanto: Vortaro franca-angla-germana. broŝ. (1.60) | 1.- |
| Gvidlibro tra Salzburg. ilustrita broŝ. (-.80) | -.50 |
| Hauff.W. La kantistino. Novelo. bind. (1.40) | 1.- |
| Heyse.P. Edziĝa festo en Capri. Novelo. broŝ. (1.-) | -.60 |
| Hodler, la fondinto de U.E.A. Lia vivo kaj verko. broŝ.(3.75) | 2.- |
| Hugo.V. La Mizeruloj. Unua parto en 2 volj. broŝ. (5.20) | 3.- |
| Hoffmann.H. La Struvelpetro. Bildlibro. kart. (3.-) | 2.- |
| Katalogo de lingvoj naturaj, popolaj, literaturaj, klasikaj kaj artefaritaj. U.E.A. eldon. broŝ. (4.-) | 2.- |

Nienkamp.H. Kultur und Sprache. Eine Abhandlung über das
Weltsprachenproblem. bindita (5.40) 3.-
- Grundlagen der Fürsten ohne Krone. Leitsätze zur
Reform der Gesellschaft. bindita (5.-) 2.
Petöfi.A. Johano la brava. Trad.de Kalocsay. broŝ. (1.80) 1.-
Rakontoj el la Biblio laŭ la traduko de d-ro Zamenhof.broŝ.(2.30) 1.
Ramo.E. Kvin rakontoj el Svislando. Ilustrita broŝ. (3.60) 2.
Sappl.H. Kiel oni fondas Esperantan grupon? broŝ. (-.40) -.
Schiller.Fr. Poeziaĵoj. Traduk.de Zwach broŝ. (1.20) -.
Spaak.P. Kaatje. Kvarakta teatraĵo. broŝ. (3.-) 2.-
Stengel.F. Esperanto Sprechübungen nach den Bildern von Hölzel.
Neun Bildertafeln mit Begleittext. broŝ. (2.40) -.
Tolstoj.A. Princo Serebrjanij. Historia romano. broŝ. (9.-) 5.-
Vörös.D-ro C. Analitika geometrio absoluta. 2 volj. broŝ.(15.-) 8.-
Wolski.W. Halka. Opero en 4 aktoj trad.de A.Grabowski.broŝ.(1.50) 1.-

Die in Klammer gesetzten Preise sind die ursprünglichen
Ladenpreise!

Schuh' beim Schuster.

Brot beim Bäck'

Bücher nur bei Foltanek !!!

Decken Sie daher bei mir auch Ihren Bedarf an deutschen Büchern etc.